XIVa jaro. No 198 (2) ⋆ Monata ⋆ 5 februaro 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XVIII

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1a Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2a Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo. Plenuma povo. Internacia polico. — Ekzameno de la ĉefaj kritikoj kontraŭ la federacio. — La metodoj: Neceseco de popola propagando kaj reedukado de la publika opinio. Mankoj de la ĝisnuna paca movado. Plano de nova organizo de la paca movado.

Flanke de la propagando, kiu celas varbi al la pacideo kiel eble plej multajn homojn, grava estas la edukado, kiu el ili faros fidplenajn agemulojn. Tro ofte okazas, ke homo supraĵe akceptas novajn ideojn, sed ne forlasas la sentojn kaj refleksojn, kiuj devenas de tute kontraŭaj kredoj. Oni ekzemple renkontas liberpensulojn, kiuj estas ekstreme sektemaj, kaj pacifistojn, kiuj tute ne sukcesis sin liberigi je ŝovinismaj antaŭjuĝoj. En tempo de krizo, tiu interna kontraŭeco inter la novaj kaj la malnovaj ideoj eksplodas, kaj plej ofte estas la malnovaj ideoj, kiuj venkas. Estas facile tion konstati nuntempe, kiam antaŭaj pacemuloj rezonas same malsprite, se ne eĉ pli, kiel la plej fervoraj ŝovinistoj. Tio devenas el la fakto, ke la homo estas multe malpli, ol li supozas, libera akcepti novajn ideojn, pro la premado de l' pasinteco. Nur zorga kaj sistema edukado, komencita sufiĉe frue kaj neniam forlasata, povas iom post iom ŝanĝi lian pensmanieron kaj aliigi lian konduton.

La pacorganizaĵo, kreota laŭ la principoj antaŭe formulitaj, devos do ĉiumaniere labori por faciligi la adaptiĝon de la varbitoj je la nova idealo, pliriĉigante ilian spiriton per novaj konoj kaj vidigante al ili la mondon sub aspekto, kiun ili ne ankoraŭ bone konas. Ĝi penu interkonatigi kaj precipe komprenigi la historion, la instituciojn, la morojn, la kulturon de la diversaj popoloj. Ĝi montru, ke la nacioj ne havas malsamajn celojn, kiel kredigas la anarkia aspekto de iliaj politikaj rilatoj, sed kontraŭe, ke ĉiuj partoprenas laŭ sia propra genio je la plibeligo de la homara civilizo, kies fundamento estas harmonio. Ĝi substreku ĉion, kio unuigas la popolojn, ĉion, kio estas komuna inter ili kaj pri kio oni nun apenaŭ konscias. Ĝi enradikigu tiun ankoraŭ tre malmulte atentatan ideon, ke la vere utila forto de la nacio esprimiĝas per la penso kaj laborforto de siaj anoj, ne per armilito. Per unu vorto, ĝi disĵetu lumon super ĉio, kio nun estas trapenetrata de la malklereco, de la rutinemo kaj de la antaŭjuĝoj.

Jen vasta eduka agado, kiu preterpasas la suprajan pure juristan programon de la pacifistaj rondoj, sed ĝi estas necesega, se oni fine volas enpaŝi sur la kampon de la realigoj. Tiu edukado ne sole estu teorio, sed ankaŭ praktika. Publikigo de broŝuroj kaj edukaj verkoj, aranĝo de kursoj kaj paroladoj ĉe la lokaj centroj, agado per la ĉiutaga ĵurnalaro ne sufiĉas, kvankam ĉio tio kompreneble neniam estas senutila. Oni ankaŭ devas laŭeble plimultigi la personajn rilatojn inter diverslandanoj, per la aranĝo de studvojaĝoj fremdlanden, per la korespondado, per organizo de internaciaj manifestadoj. Nur dank' al tio iom-post-iom naskiĝos toleremo inter la popoloj kaj estos esperebla la formiĝo de nova pensmaniero, dank' al kiu ŝtatligo estos realigebla. En tiu rilato kelkaj disaj provoj estis faritaj antaŭ la milito, sed ili estis tute nesufiĉaj kaj precipe estis aranĝitaj sendepende unu de la alia, sensisteme kaj sen certa rilato kun la idealo de interpopola unuiĝo.

Kiam la paca movado ekiros sur tiuj novaj vojoj, ĝi nepre sentos la necesegecon de internacia lingvo, dank' al kiu la pacamikoj ĉesos esti fremduloj unu rilate al la alia. Vane estas paroli pri la alproksimiĝo de la popoloj kaj la formiĝo de internacia spirito, se la homoj de diversaj nacioj, krom malmultaj privilegiuloj, ne estas kapablaj sin reciproke kompreni. La indiferenteco de la paca movado rilate al la celado por internacia lingvo ankaŭ devenas el la erara ideo, ke la starigo de ŝtatligo dependas pli de la bonvolo de l' juristoj kaj politikistoj, ol de la pensmaniero de la popoloj mem.

* * *

La realigo de tiu grandioza tasko estas ebla nur se ĉiulande troviĝos je la taŭga tempo, elito preta por ĝin entrepreni. Ĉu jam ekzistas la elementoj de tia elito kaj, en jesa okazo, ĉu ilia baldaŭa kunlaborado estas esperebla? — Al tio kompreneble povas respondi nur la faktoj. Sed ŝajnas nedubeble, ke jam nun en ĉiuj landoj homoj ekzistas, kiuj povas kompreni la, cetere tre simplajn, ideojn ĉi tie priskribitajn, kaj estas pretaj labori por ilia triumfo, tuj kiam formiĝos serioza organizajo, kiu scios tuŝi ilian spiriton kaj utiligi ilian bonvolon. La unua kondiĉo por ilia kunlaborado kuŝas en tio, ke ili komprenu, ke je la nuntempaj abomenaĵoj estas kulpa super ĉio la anarkia reĝimo, je kies konservado kaj glorigo ĉiuj popoloj partoprenis. Tiel longe kiel oni obstinos diskutadi pri la respektiva respondeco de la individuoj aŭ de la popoloj, nenia pozitiva rezultato estos atingebla. La homoj, kiuj sin dediĉos al la agado por la starigo de nova ordo internacia, devas fari strekon sub la pasintaĵoj kaj komenci sur nova fundamento.

Kiel ni jam atentigis, en la estonta agado oni turnu sin ne sole al la kleruloj aŭ al la reprezentantoj de la altaj sociaj rangoj, sed al ĉiuj klasoj. La apogo de la laboristaro, ĉe kiu troviĝas multaj freŝaj energioj por la estonta agitado, ne estas malpli necesa ol la helpo de la pli altaj popoltavoloj. Precipe varbinda estas la junularo, pri kiu multaj simptomoj montras, ke ĝi estas inklina reagi kontraŭ la naciaj pasioj, al kiuj la maturaĝuloj nun regantaj la popolojn oferas kun trankvila animo la prosperecon de Eŭropo kaj la bonstaton de milionoj da homoj. Signoj ekanoncas, ke, se oni permesas al ĝi vivi, la nova generacio ne tiel obeeme akceptos la ideojn, en kies nomo oni serene mortigas la pli belan parton de la homaro. El ĝi povu stariĝi la pioniroj, kiuj kun freŝa energio kaj forta koro sin dediĉos al la starigo de la fundamento, super kiu la homoj morgaŭ interkonsente laboros je la interpopola unuiĝo!

* * *

Al la personoj, kiujn interesas nur la estantaĵoj kaj proksimaj realaĵoj, tiu ĉi studo kredeble ŝajnis plene superflua. Ili ja opinias, ke pli ol iam ni staras malproksimege de tiu epoko, kiam ĉiuj nacioj pace kunvivos, kaj ili juĝas tute vana ĉian penadon por ekkrei novan pensmanieron, ĉar ili kredas, ke la nuna militego kun ĉiuj malamoj de ĝi naskataj por tre longa tempo neebligos realproksimiĝon inter la militantoj. Tia pesimista opinio ja ne estas tute senfunda, sed oni ankaŭ devas prikonsideri la alian flankon, kiu estas multe pli esperiga. Kontraŭ la ideo mem de la milito, la nuntempa batalado pli efike propagandis, ol la plej bonaj teoriaj asertoj de la paca epoko, kaj plie ĝi en blindiga maniero atentigis ĉiujn pri la gravegeco de la problemo pri internacia ordo. Antaŭ la nunaj okazantaĵoj la granda plimulto de la homoj ja estis kontraŭ la milito, sed, ĉar ili ne kredis je ĝia eventualeco, malgraŭ ĉiuj signoj, ili malinteresiĝis je la demando kaj dediĉis sian atenton al multe pli malgravaj aferoj. Tio estas nun ŝanĝita. La sangoplena sperto instruas la tutan homaron pri la plej urĝa necesaĵo de nia tempo. La antaŭa sistemo de la konservado de l' paco per ekvilibro kaj kiel eble plej granda armado mizere bankrotis. Tion eksentas eĉ la registaroj, sed ili vere laboros je la starigo de la ŝtatligo, kies principon ili deklaras akcepti, nur kiam ilin puŝos, stimulos, alpremos forta kaj celkonscia publika opinio. Ĉar la granda plimulto de la homoj en diversaj gradoj suferis de la milito, estas konjekteble, ke ilia indiferenteco estos de nun malpli granda ol antaŭe.

Por ili ekzistas nur unu senrefuta instruilo, nome la sperto. Pli ĝenerala kaj pli terura sperto ne povus esti. Estas apenaŭ kredeble, ke ĉion tion oni forgesos kaj morgaŭ agos same kiel hieraŭ. Krom tio, la milito estas fosanta sian propran tombon. Ĝi atingis la limon de l' absurdo. De pli ol tridek monatoj, milionhomaj armeoj interbataladas senrezultate, kaj ŝajnas, ke se oni konsideras la dujaran sperton pri la moderna sciencega milito, solvo per la armiloj estas apenaŭ antaŭvidebla. Ĉiuokaze la eksterordinaraj oferoj kaj perdoj, kiujn kaŭzas la nunaj buĉadoj, estas absolute senproporciaj je la kelkaj teritoriaj ŝanĝiĝoj, kiuj eble plenumiĝos. La milito estas ne sole naŭziga, kiel atestas la partoprenintoj, sed ankaŭ absurda, eĉ je la vidpunkto de siaj ĝisnunaj defendintoj. Tion ekvidas ĉiuj saĝaj homoj, malgraŭ la ornamoj de la gazetaro kaj de mensoga literaturo. Ĉu estas utopie pensi, ke tiuj diversspecaj sentoj sukcesos forpuŝi la malamon kaj malfidon, kiuj estas la fruktaĉoj de la batalado?

La milito, ni ne ĉesu tion rediri, ne estas superhoma fatalaĵo. Ĝin povas malhelpi la homa volo, transformante la sistemon, de kiu ĝi devenas. La ideoj, sur kiuj sin apogas tiu sistemo, ne estas eternaj; same kiel aliaj, ili povos ŝanĝiĝi, se nur stariĝas energia elito en ĉiuj landoj, kun la necedema intenco ŝirmi de nun la homaron kontraŭ la militmonstro. For la pasinto! Ni rigardu antaŭen! Ni unuiĝu kaj agu! La mondo soifas novan idealon.

*(Fino.)* *H. Hodler.*

# *Al niaj abonantoj*

*Dum la daŭro de la milito, la abonantoj povas ankaŭ pagi sian reabonon al: S-ro S. Szabunievicz, Bankovskij 2, Moskvo (por* Rusujo*). — S-ro F. Ellersiek, Wissmannstr. 46, Berlin S 59 (por* Germanujo*). — S-ro D-ro Sos, Tuchlauben 18, Wien I (por* Aŭstrio*).*

*Pro la alta kurzdiferenco, la* rusaj abonantoj *estas informataj, ke ili devas de nun pagi 2.50 rublojn por abono al ordinara eldono kaj 3.— rublojn por luksa eldono.*

 SOCIA VIVO 

## La teatro en la rusa vilaĝo

La teatro en la rusa vilaĝo estas fenomeno tute moderna. Ĝi aperis nur post sufiĉa disvastiĝo de elementa lernejo, kiam la vilaĝo ekhavis publikajn paroladojn kaj bibliotekojn. Ĝis tiam la ideoj pri la teatro estis tiom konfuzaj, ke la libretoj verkitaj en dialoga formo tute ne estis ŝatataj de la vilaĝanoj.

La estiĝanta vilaĝa leganto preferadis la rakonton ol la dialogon. Kiam meze de la rusa inteligentularo aperis la celado havigi al la vilaĝanoj bonan kaj malkaran spiritan nutraĵon, kiam aperis libroeldonejoj por la popolo, spertaj laborantoj koncerne la popolan klerigadon verkadis rakontojn kaj novelojn el la teatraĵoj de Ostrovskij. Interesegaj temoj en la Dramoj de Ŝekspir estis ankaŭ sukcese diskonatigataj en rakonta formo.

La teatraj prezentadoj komencis disvastiĝi meze de la vilaĝanoj dum la lastaj 15—20 jaroj kaj, precipe kun la partopreno de la lernejaj geinstruistoj, kiuj kuniĝadis tiucele kun aliaj inteligentuloj de sia loko aŭ venintaj de ie. Plejparte la afero komenciĝis per la amatora spektaklo, organizata por la propra plezuro de la ludantoj. Sed la vilaĝa junularo montris tiom da plezuro je tia prezentado, ke la aranĝintoj estis devigataj ripeti la spektaklon. Iuokaze oni devis proponi certajn rolojn al junaj vilaĝanoj. La vilaĝa junularo tiel fervore partoprenadis je la spektakloj, ke post unu aŭ du prezentadoj fariĝis konstantaj partoprenantoj je la kleriga entrepreno kaj fervoraj laborantoj je ĉio, kio koncernas la vilaĝan teatron. Tiamaniere formiĝis teatraj rondetoj, kiuj antaŭ la milito kreskadis, kvazaŭ fungoj, aperantaj en la plej sovaĝaj lokoj de Rusujo.

Eksterordinare rapidan progresadon de la vilaĝa teatro oni povas klarigi per tio, ke la ideo de teatro — bezono esprimi la sentojn kaj ideojn per agoj de vivantaj personoj — ekzistas inter la homoj ĉie, ekzistis ĉiam kaj al la rusa vilaĝanaro tute ne mankas tiu ĉi bezono. Ĝi havas eĉ specialajn talentojn por tio. La vilaĝaj infanoj simile al la urbaj komencas ludi de siaj unuaj vivjaroj. Ĉiufoje, kiam kunvenas kelkaj infanoj dum libertempo, ili nepre ludas; vintre en la domo sur la kuŝbretaro aŭ sur la forno, printempe sur la argila benko ĉedoma, somere dum la promenado la infanaro, precipe knabinoj, tuj verkas teatraĵojn kaj ludas ilin. La teatraĵoj ne estas skribataj; ne ekzistas antaŭe verkitaj roloj; oni nur difinas, kiu devas ludi kaj kiun nome prezenti. Oni ludas je la „festo“ kun akcepto kaj regalado de la gastoj, je l' edziĝa festeno, je l' alveno el la urbo, je la foiro, — unuvorte ĉio okazanta tiumomente en la vilaĝo estas scenigata de la infanaro. Io frapanta, kaptanta, skuanta la prozan ĉiutagan vivon altiras sendube pli grandan atenton.

La infaneco pasas, sed la ludemo ne pasas — la junularo havas siajn proprajn ludojn en kiuj ĉiu ludanto havas specialan rolon. Tiaj estas la ludoj je „kato-rato“ k. s. Sed plej similas la teatran prezentadon la interessignifaj kant-kaj dancrondoj, je kiuj partoprenas amasoj, kie renkontiĝas eminentaj artistoj konataj tra la tuta regiono. La rondludoj enhavas grandegan repertuaron de kantoj.

Multaj maturaĝaj vilaĝanoj fordonas sin ankaŭ volonte al scenigemo. Ĉiuokaze, kiam „ludas la spirito“ t. e. kiam oni forĵetas aŭ forlasas la ĉiutagajn zorgojn kaj festas, gastante ĉe edziĝo aŭ promenante amase, preskaŭ ĉiam estas aranĝata ia ajn ludo. Oni alivestiĝas, oni ŝmiras al si la vizaĝojn kaj ludas ian historion.

Iafoje tiu ĉi historio estas verkata nur por amuzo, ĝi konsistas nur el spritaĵoj. Alifoje la ludado havas satiran karakteron: oni primokas iun el la personoj neamataj de la vilaĝanaro. Ne mirinde, ke la spektakloj, kiujn la vilaĝanoj jam konas kaj komprenas sub tiu ĉi nomo mem, estas ĉie kaj ĉiam akceptataj plej favore. — En la vilaĝo facile formiĝas teatraj rondetoj el vilaĝanoj.

La gvidantoj de tiaj organizaĵoj, komprenante ilian veran signifon, havas pli kaj pli firman konvinkon, ke la vilaĝana teatro havas klerigan signifon.

Antaŭ ĉio la teatro agas klerige sur la ludantojn mem. La elekto de teatraĵo, la diskutado pri tio, la kunlegado, klarigoj pri la karakteroj de la personoj — estas tute nova kleriga fenomeno en la vilaĝo, disvolvanta la intelekton kaj ofte malkaŝanta novajn horizontojn al la vilaĝa junularo. Prezentiĝas intelekta laboro neniam antaŭe okazinta en la vilaĝa vivo. Tial ĉiuj kunvenoj, por prepari la spektaklon, vekas altigitan intereson kaj lasas plej ĝojigajn rememorojn. La travivado de la rolo pozitiva aŭ negativa nedubeble lasas sian impreson neforigeblan. Plie, oni sin ekzercas je la lingvo, oni konatiĝas profunde kun la pensoj de l' aŭtoro kaj ilia esprimo per konforma kaj bela parolo, ĉio ĉi ne povas pasi sen postsigno por vilaĝa artisto. Ĝi nepre profunde impresas ilian animon.

La ordinaran vilaĝan rigardanton tiaj spektakloj ankaŭ impresas. La personigo de karaktero, la percepto de pensoj, certe povas elvoki difinatan senton, kaj la rigardanto foriras el la teatro kun klara impreso. — Ĉar nuntempe en la vilaĝoj estas fondataj Popolaj Domoj, la intelektularo kaj la „Zemstvo“ simpatias la eksterlernejan klerigadon.

Bedaŭrinde la teatro havas ankaŭ siajn kontraŭulojn — Komence de la jaro 1916 okazis en Moskvo Tutrusa kongreso de la agantoj por la Popola Teatro. La interŝanĝo de spertoj kaj ideoj alĵetadis novajn ŝtipegojn al la flamanta ŝtiparo de l' amo je tiu ĉi verko. Inter la kongresanoj iuj tamen verŝadis tinegojn da akvo sur la ardiĝantan fajron. Reprezentantoj de la urba intelektularo, ili havis tro firman kirason de konvinko, ke la arteco kaj la instruiteco povas esti nur patentitaj; ili ne allasis eĉ penson, ke oni povas esti artisto aŭ scienculo, ne ricevinte specialan diplomon. Tiu ĉi aserto, dirita kun granda impono kaj persisto, sendube konfuzis iujn de la kongresanoj kaj igis ilin dubi, ĉu la vilaĝa teatro povas esti vera teatro, pro la nesufiĉa artstudado. La rolplenumantoj ofte havas nenian ideon pri la procedoj de vera artisto. Tiakondiĉe ili ne povas doni efektivan iluzion de la vivo, atingatan de profesiaj artistoj. Ĉu valoras simpatii tiun ĉi movadon? Ĉu ne estus pli bone fordoni la fortojn kaj atenton por aliaj klerigaj entreprenoj: kursoj, diskutoj, koncertoj, ĥoroj, kinematografo?

Tia dubo certe havas sian kialon. Vilaĝa artisto ofte neniam eĉ vidis grandajn urbojn kaj havas nenian ideon pri profesia teatro; ĉu li povas ludi pli arte, ol iu ajn mezbona profesiulo? La ludado de tiaj artistoj ne povas kontentigi la estetikon de postulema urbano.

Sed la celado de teatro en vilaĝo ne estas servi la inklinon de urbanoj. Vilaĝa rigardanto, ne sperta pri profesia ludo, havas pli simplan rilaton al la teatro. Lia imagpovo dank' al Dio, ne ankoraŭ malviviĝis; lin kontentigas ankaŭ ne tre perfekta aludo je prezentata tipo, li kompletigas ĝin per sia propra fantazio, kaj li ricevas ne pli malfortan impreson, ol urbano, ĝuanta ludadon de profesiaj artistoj.

Ne fervoro por vera teatro estigas tian skeptikecon de urbaj inteligentuloj. Ĝi montras nur, ke la urbaj klasoj pli kaj pli ignoras la vivon de la popolo, ĝian animon; ili ĉiam pli nee rilatiĝas al la popolo. Tion pruvas la kreskanta malatento je la literaturo reprezentanta la popolan vivon

kaj la kreskanta sukceso nur de tiaj verkoj, en kiuj la vilaĝanaro estas figurata sole per mallumaj trajtoj. La ignoro de urbanoj atingis tian gradon, ke famaj verkistoj ne verkas teatraĵojn el la vilaĝa vivo kaj la urbaj teatroj ne surscenigas ilin; la teatraĵojn el la vilaĝa vivo evitas ne nur profesiaj entreprenistoj, sed eĉ la teatroj kun akademiaj tendencoj, devantaj reflekti la vivon en ĝia tuteco. Teatraĵo el la vilaĝa vivo verkita de mi antaŭ kelkaj jaroj estis aprobita de literaturo-teatra komitato, kiel taŭga por reprezentado en regnaj teatroj, sed kiam mi proponis ĝin al la Aleksandra teatro en Petrogrado, la repertuarestro konfesis, ke ĝia aktoraro ne kapablas ludi la morteatraĵojn. Ili kutimis nur je salonaĵoj. La mortinta A. Poteĥin,[1] en la memortago pri sia kvindekjara verkado, volis surscenigi novan teatraĵon, sed aŭdinte, kiel la artistoj eklegis la morrolojn, li forprenis sian teatraĵon.

La malatento al la elmontro de spirita vivo en vilaĝanaj animoj kaj la aserto, ke la arto povas esti preparata nur en specialaj laboratorioj ne estas pravigeblaj. La mirinda rusa lingvo, kiu tiom entuziasmigis kaj kuraĝigis Turgenev kaj Tolstoj estis kreata tute en specialaj institucioj, sen ia ajn partopreno de instruantoj, ĝi estis kreata nature kaj senpere meze de la laboranta plugistaro. — La ravaj rusaj kantoj: *„Luĉinuŝka“*,[2] *„Mozdoka stepo,“* kaj *„Vniz po matuŝke po Volge“* (Laŭflue de patrinjo Volga) ne naskiĝis inter la muroj de konservatorio.

La kongreso de la agantoj por la popola teatro klarigis ankaŭ la fakton, ke la urbana teatro estas en dekadenco: talentoj fariĝas ĉiam pli maloftaj. Ĉu la vilaĝanaro tiom multenombra, tute freŝa rilate al la teatra arto, ne povus doni el sia medio talentajn artistojn? Tial oni ne devas malfidi kaj ignori tiun ĉi movadon, oni devas montri plenan simpation kaj laŭeblan subtenon. Oni diras, ke la vilaĝa teatro ne povas esti arta teatro, ĉar la rimedoj mankas al la vilaĝo, sed la arta impreso estas atingebla ne sole per ekstera harmonieco. La vera arta impreso postulas ion alian.

L. Tolstoj vidis veran artecon en russopola pentrado de „diablo en lavpoto“[3] kaj neis la artecon de kolorriĉa helpentrado en la bildoj de Semiradski[4]. L. Tolstoj tiom ŝatis la vilaĝan teatron, ke eĉ sian lastan vivjaron li verkis por ĝi komedion *„Pro ĝi[5] — ĉiuj kvalitoj.“*

*S. Semenov.*
Trad.[6]: *A. Ŝ.*

## La krimkvanto de la junularo dum la milito

Ĉiutage la milito forprenas milojn da homoj el plena maturo de l' vira vivo. De la komenco de l' milito, ne sole la nombro de la naskiĝoj malpliiĝis en ĉiuj landoj, sed ankaŭ la morala nivelo de la idaro malplialtiĝis. La junularo, kiu ne ankoraŭ estas soldatigita, kaj kiun oni supozas gardita kontraŭ la militkonsekvencoj, estas minacata de grava danĝero. En ĉiuj landoj la krimkvanto de la junularo atingis

[1] Fama precipe pro sia dramo el la popola vivo *„Gorjkaja Sudbina“* (Maldolĉa Sorto).

[2] Brulanta abilignero, multe uzita kaj ankoraŭ nun iafoje uzata por lumigi la vilaĝanajn domojn.

[3] Unu el la episkopoj de la antikva Novgoroda respubliko, Johano, kaptis iun matenon per krucsigno Diablon en sia lavpoto. Li liberigis ĝin nur kondiĉe ke la diablo tuj portu lin Jeruzalemon kaj realportu por la meso en Novgorodo. La legendo diras, ke la Diablo konsentis kaj plenumis tiun taskon.

[4] Pola pentristo fama je la bildo de *„Lumigiloj de la Kristanaro.“*

[5] La brando.

[6] El revuo *„Edinemie“* (Unueco).

gradon, kiu pravigas seriozan zorgon. Laŭ enketo farita de la „Home Office“ en diversaj urboj de Anglujo, la krimnombro de junuloj sub 16 jaroj altiĝis je 34 % kontraŭ la pasinta jaro. En Londono, la nombro de la krimaj junuloj dum la tri unuaj monatoj de 1916 altiĝis ĝis 2005 kontraŭ 1304 dum sama epoko 1915. Inter ili 1314 estis akuzitaj pro ŝtelo. La aperaĵo estas tro grandega, por ke oni povu kredi ĝin sendependa de la socia strukturo de la milita mastrumado. Cetere, en la aliaj militantaj landoj, ekz. Francujo kaj Germanujo, similaj konstatoj estis faritaj.

Ĉiuj arm- kaj laborkapablaj elementoj troviĝas sur la batalkampo. Por provizi la militmastrumon, la kapablo de la nacia ekonomio estas streĉita ekstreme. Anstataŭigante la mankantajn fortojn, junaj, nematuraj elementoj estas alkondukitaj. Metitaj sen konsidero de ilia forto de rezisto ili troviĝas antaŭ laboro, kiun ili tre malofte fizike, neniam morale majstras.

En ĉi tiu nesufiĉa morala rezistforto kuŝas la ĝenerala kaŭzo de la krimeco junulara. Unuflanke la tro laciga laboro en industria entrepreno okazigas moralan malfortiĝon; aliflanke la junuloj altiĝas en sia memkonfido pro la neatendita posedo de relative altaj gajnoj. Vekiĝas inter ili, apud treege esprimata sento de sendependo ankaŭ frumatura ĝuamo, kiu baldaŭ degeneras en malĉastecon. Ili konsideras jam kiel heroaĵon ribeli kontraŭ ĉiu antaŭrimedo, kontraŭ ĉiu pli alta forto, pri kies utileco ili havas tre malklaran ideon. Justo aŭ maljusto estas al ili signifoj nekomprenataj, ne povintaj ankoraŭ evolui en ilia konscio. La esenco de la vivo troviĝas por ili en la etendo de la senkatenaj fortoj, antaŭsentitaj nekonate kaj neatendite. De tiu stato ĝis la krimo estas nur mallonga paŝo. La patroj plejparte estas mobilizitaj aŭ okupitaj en industria entrepreno, tiel, ke ili ne povas observi sufiĉe la infanojn. La observo de la patrino ne sufiĉas por gvidi la junulojn tro memkonfidajn, tiel ke fine ili tute estas lasitaj al senbrideco.

Tre ruinigan influon sur la junularo oni ŝuldas al la kinematografo. La senpensa instinktemo de la kinodramoj efikas potence sur la junaj animoj kaj la akra prezento igas ilin aranĝi tiajn scenojn efektive. Okazis ja nelonge en Anglujo, ke junulo volis strangoli sian fratinon, nur ĉar li vidis similan scenon en la kinematografo. La militfilmoj ankoraŭ superas laŭ efiko la krimulajn romanojn.

Tiuj malbonaj inklinoj de la junuloj hodiaŭ estas forte influataj de la milita animstato, kiu kreis atmosferon, plenan de perforto, de krudaj instinktoj kaj maltima kuraĝo. Konatuloj, revenintaj el pli aŭ malpli proksima teritorio de la milito, disvastigas la plej terurajn rakontojn, kiujn la junuloj aŭskultas avide, pligrandigante per la ekscitita fantazio. La akra enhavo de tiuj travivaĵoj — kaj nur tiu estas konsiderata de la junuloj — influas ilian tutan pensmanieron.

Ankaŭ ĉe la virinoj kaj knabinoj la milita animstato havis similajn sekvojn. La peza laboro, dumpace farita de viroj, malfortigis la virinojn fizike kaj morale; ni ja konstatas inter la multaj sekvoj de la intensa laboro la pligrandiĝon de la prostitucio en ĉiuj grandurboj.

Ĉe la knabo la plej ofta devojiĝo estas la ŝtelo, kiu ĉe la junuloj ne estas en rilato kun la ekonomia mizero kiel ĉe la plenkreskuloj. En Londono tiaj ŝteloj alprenis strangajn formojn, konforme al la tempo. Favorate per la mallumo de la ĉefaj stratoj, la junuloj atakas veturilojn, ĉaretojn, starantajn antaŭ la magazenoj por la ekspedo de la komercaĵoj, kaj malaperas sub la gardo de la mallumo kun la akiraĵo. Verŝajne ili sin kredas kuraĝaj esploristoj atakantaj malamikan provizan taĉmenton.

Plej malĝoje estas ĉe tiuj okazintaĵoj, ke tiuj junaj elementoj, kiuj grandparte nur pro facilanimeco faras delikton, baldaŭ ree troviĝas pro la sama afero antaŭ la juĝisto, tiel

ke la estonta generacio ne povas atendi kion ĝi esperas kaj kion ĝi bezonas. Ĉi tiu rigardo donas al la bildo de la estonta socio malĝojigan bazon, kiun oni tro optimiste jam pentris laŭ siaj propraj esperoj, ne konsiderinte la jam hodiaŭ kontroleblajn konsekvencojn de la nuntempaj cirkonstancoj. *H. J.*

## La edukado ĉe la Filipina Insularo

Konsekvenco de la tutmonda milito estos, ke ĝi ĉie kondukos al plivastigo de la „principo de efiko", tio estas adaptiĝo de la rimedoj al la celo, praktika organizo bazanta sur la sperto, ne sur abstraktaj principoj aŭ sur antikvaj rutinoj. Por ripari la perdojn kaŭzitajn de dumjaraj detruegoj kaj por elteni je la postmilita ekonomia batalado, estos necese valorigi la ĝis nun ne ankoraŭ ekspluatitajn landojn. La kunlaborado kun la indiĝenoj ĉie fariĝos necesa, kaj la produktado grandparte dependos de la efiko de l' edukmetodoj.

Je la fino de l' XIX[e] jarcento, Britujo kaj Francujo donante troan signifon al la libra instruado faris en tiu rilato gravajn erarojn ĉe sia kolonia politiko. Je la tiama epoko, Usono ne havis kolonion, sed al ĝi sin trudis la problemo pri la kapablo de la diversaj rasoj, pro la neceseco asimili la arojn de slavaj, judaj, italaj, germanaj enmigrantoj. La sukcesoj atingitaj dank' al la objektiveco de iliaj edukmetodoj pligrandigis ilian kapablon por la kolonia administrado. Dank' al tiuj samaj metodoj, iliaj misiistoj, en Ĥinujo, plene ŝanĝis la malnovan, precipe doktrinan, propagandidealon de la britaj misioj. Ankaŭ atentinda estas ilia agado ĉe la Filipina Insularo.

La profesia instruado estas fakte la karakterizo de ilia eduklaboro sur tiu ĉi insularo. En neniu alia lando en la mondo, tio okazis kun tia sistema metodo, kaj la mirinda laboro de la Amerikanoj meritas, ke ĝin elstudu ĉiuj interesuloj pri indiĝena instruado. La Amerikanoj ŝajne multe progresis rilate al la solvo de tiu malfacila problemo, nome kiel eduki indiĝenon, tiel ke li ne estu vanta klerulo, kaj tiel ke ne tro multiĝu la nombro de la komercoficistoj nekapablaj, neutiligeblaj, kaj sekve malkontentaj.

Je la nuna tempo la Edukoficejo sin okupas pri la funkciigo de logika kaj gradigita programo de profesia instruado, kiu restas en intima harmonio kun la industriaj bezonoj de la Filipina societo. Fakte, la Amerikanoj preparas la Filipinajn gejunulojn en kiel eble plej praktika maniero por la industria, komerca kaj hejma laborado, kiu pli malfrue okupos ilian agadon.

La loĝantaro de la Filipina Insularo sumas proksimume ok milionojn, el kiuj pli ol duonmiliono estas nun edukita ĉe la unuagradaj, mezaj aŭ duagradaj lernejoj sub la kontrolo de la Oficejo. La geknaboj eniras en la unuagradan lernejon je la aĝo de sep jaroj kaj pasas tra kvar gradoj. Ĉe la unua, la klasoj daŭras kvar horojn kaj duonon tage, kaj kvin ĉe la aliaj gradoj. Kvarono de tiu tempo estas uzata por la profesia laborado, precipe por la kudrado kaj teksado. La Filipina Insularo estas riĉa je fibraj plantoj: filikoj, graminacoj, bambuoj, palmarboj, rotangoj. Tiuj plantoj estas utiligeblaj por nekredebla nombro de uzoj, de la konstruado de domoj ĝis la fabrikado de vestajoj, kaj unu el la plej utilaj bultenoj publikigataj de la Oficejo priskribas tiujn plantojn, ilian preparmetodon kaj uzmanieron. En la muzeo, kiu troviĝas ĉe la sidejo de l' Oficejo, estas videblaj specimenoj de ĉarmaj korboj fabrikitaj de ok- aŭ naŭjaraj infanoj.

Elirinte de la unuagrada lernejo, granda nombro de infanoj, ĉirkaŭ la dek-unua jaro, vizitas unu el la mezaj lernejoj. Tie komencas jam la specialiĝo. Tiu specialiĝo, tiel frue enkondukita, ŝajnas praviĝi pro la enlandaj kondiĉoj. Se ĝi estus prokrastata ĝis la infanoj eniras en la duagradan lernejon, granda parto el ili forlasus la instruejojn sen la speciala preparo, kiu farus ilin kapablaj utile labori en la pli-malpli modestaj kondiĉoj, al kiuj estas destinataj la plimultaj el ili. Ekzistas ses instrufakoj: edukado ĝenerala, formado de instruistoj, terkulturo, komerco, hejma laboro, kaj negocoj. Certe, ne ĉiu lernejo havas la ses nomitajn fakojn. Sed la 278 mezaj lernejoj estas dissemataj tiamaniere tra la insuloj, ke ĉiu lernanto troviĝas en praktikaj kondiĉoj, kiuj permesas al li libere elekti la fakon.

En la fako de la ĝenerala edukado, kvarono de l' tempo estas uzata por la manlaboro. La unuan jaron, la knaboj lernas matarton kaj manteksadon; en la dua, ĝardenkulturon kaj en la tria lignaj- kaj ĉarpentarton. Dum tiuj tri jaroj la knabinoj lernas mastrumadon. Tie ĉi ankaŭ, la Oficejo helpas al la instruistoj kaj al la instruatoj. Bultenoj pri la ĝardenartoj, la mastrumado, la lignaj- kaj ĉarpentarto estis publikigitaj; ili ne sole enhavas bonegajn konsilojn por la instruisto, sed ankaŭ tre utile partoprenas je la enlanda industria progresado.

En la metia fako oni donas gravan lokon al la desegno, kaj ĉiutage la knaboj pasigas du aŭ tri horojn en la laborejoj. Ili fabrikas meblojn el mahagono, riparas aŭtomobilojn, faras lignajn laborojn, maŝinojn, serurajojn, k. t. p.

Limigita nombro de lernantoj pasas de la mezaj al la superaj lernejoj. El tiuj ĉi ekzistas kvardek-kvar, sed nur dek-ses donas plenan kurson en kvar jaroj. Kelkaj lernantoj poste vizitas la Universitaton. Aliaj pasigas du aŭ tri jarojn en duagrada lernejo, kaj tiam vizitas superan komercan lernejon, la centran terkulturan lernejon de Luzon aŭ specialajn lernejojn.

La tuta sistemo estas tre metode konstruita de la fundamento; la Eduk-Oficejo cetere kreos laŭ la bezonoj novajn duagradajn lernejojn. En ĉiuj tiuj lernejoj, la instruado fariĝas per la angla lingvo, kaj la infanoj ne lernas alian lingvon antaŭ ol ili vizitos la superajn lernejojn, eĉ en tiuj ĉi la nombro de la junuloj studantaj alian lingvon estas malgrava. La ŝtatana edukado, sub tiu aŭ alia formo, ludas ŝatindan rolon. Citinda estas admirinda libreto titolita: Bona tono kaj bona konduto, uzata en ĉiuj elementaj lernejoj.

Pli ol 10,000 instruistoj estas okupataj je tiu eduka agado, kaj 94 % el ili devenas el la Filipina Insularo mem. La suma elspezo atingas 35 milionojn da frankoj. En Hindujo, kun tridek-okobla loĝantaro, Britujo elspezas apenaŭ pli ol 125 milionoj da frankoj jare por la publika instruado.

*L. S.*

Trad.[1]: *A. R.*

[1] El *„Journal de Genève"*.

# *Al niaj abonantoj*

*La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj, kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj (svisa valoro) per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2. 50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj kaj ne havas la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*

# ✱ NOTOJ ✱

.·. **Statistiko pri la militkostoj.** — Ne enkalkulante la elspezojn de la neŭtralaj ŝtatoj, la militkostoj je la fino de 1916 atingas 350 miliardojn da frankoj. En tiu cifero ne estas entenataj la perdoj pro la haltado de la produktanta laboro, la asekurvaloro de la oferitaj homvivoj, nek la domaĝoj ĉe la militaj teritorioj.

Por taksi la grandegecon de tiu sumo de 350 miliardoj, oni povas diri, ke la tuto de l'oro eltirita de la eltrovo de Ameriko ĝis nun ne superas 85 miliardojn da frankoj. La fervoja retaro konstruita sur la terglobo de post la elpenso de la fervojoj necesigis elspezojn de 300 miliardoj.

La enloĝantaro de la militantaj landoj kun la kolonioj reprezentas la 60 % de la homaro; tiuj ŝtatoj posedas 53 % de la surfaco de l'terglobo kaj ilia komerco atingas 70 % de la mondkomerco.

Laŭ tiuj ciferoj, oni penu reprezenti al si la universalan ruiniĝon, kiun kaŭzos tiu ĉi militego, se, kun senĉese la kreskanta produktado de la municioj, ĝi daŭras ankoraŭ unu aŭ du jarojn. — Laŭ raporto de *Basler Handelsbank*.

.·. **Infanoj kaj kinematografo.** — La instruistaro de la urbo Bern (Svisujo) faris enketon pri la vizitado de la lernejaj junuloj al la kinematografejoj. Tiu enketo, je kiu partoprenis 95 mezaj kaj superaj klasoj, donis la jenajn rezultatojn: El 3300 infanoj, la duono iris al la kinematografejo okaze, la triono ofte kaj eĉ tre regule. Nur sesono neniam iris.

Interesa estas la statistiko pri la spektakloj prezentitaj al tiuj infanoj. Kion do vidis tiuj 2750 infanoj aŭ junuloj? Estis bildoj de geografio 1656, de tekniko kaj industrio 1353, de interbatiĝo 1914, de geedzaj disputoj 1286, de ebriuloj 1350, de forlasoj de infanoj 367, forprenoj 1160, vendo de infanoj 163, adultoj 1120, kiel homoj estis mortigitaj 1224, venenigitaj 625, sufokitaj 447, dronigitaj 407, turmentegitaj 203, bruligitaj 23, enterigitaj vivante 8, enmurigitaj 4, raboj 1645, ŝteloj 1179, bruligoj kaj mortigoj 1171, memmortigoj 765, detektiv-romanoj 1225, k. t. p.

La aranĝintoj de la enketo ŝajne forgesis kalkuli la sentimentalegajn kaj virtigajn scenojn, kiuj pro sia malspriteco kaj neverŝajneco estas preskaŭ tiel danĝeraj kiel la krimaj scenoj...

 LITERATURO 

# Johan-Kristofo

(Fragmento)

de **Romain Rolland**

*(Daŭrigo.)*

En la tago kiam Melkioro, enirinta sur la pinto de l'piedoj, estis neatendite ekvidinta la infanon sidantan antaŭ la klavaro, li momenton observis lin; kaj subita ideo trapasis lian spiriton. „Malgranda mirindulo li povus esti!... Kiel li ne jam pensis pri tio?... Kia sukceso por la familio!... Sendube li kredis, ke la knabo estos nur maldelikatulo kiel lia patrino. Sed provi kostis nenion. Jen ŝanco! Li promenigus lin tra Germanujo, eble ankaŭ eksterlande. Tio estus ĝoja vivo, eĉ nobla." — Melkioro ĉiam serĉis la kaŝatan noblecon de ĉiuj siaj agoj; kaj estis malofte, ke li post pripenso ne trovis ĝin.

Tion decidinte, tuj post la vespermanĝo, li denove sidigis la infanon antaŭ la piano, kaj ripetigis al li la lecionon de la tago, ĝis liaj okuloj fermiĝis pro laceco. La morgaŭan tagon, tri lecionoj. La postmorgaŭan tagon ankaŭ, kaj de tiam ĉiutage. Kristofo rapide laciĝis; poste, li sentis enuegon; fine, li ne plu eltenis kaj decidis ribeliĝi. Sensenca estis la laboro, kiun oni postulis de li; li devis nur kiel eble plej rapide kurigi la fingrojn sur la klavoj, lerte malaperigante la dikfingron, aŭ moligi la kvaran fingron, kiu mallerte algluiĝis inter la du najbaraj. Tio suferigis liajn nervojn; plie ĝi neniel estis bela. Finitaj la magiaj resonoj de la delogantaj monstroj, finita la universo de iam eksentitaj songoj... La gamoj kaj la ekzercoj sekvis unu la alian, sekaj, unutonaj seninteresaj, pli seninteresaj ol la konversacioj ĉe la tablo, ĉiam samaj, ĉiam pri la manĝaĵoj, kaj ĉiam pri la samaj manĝaĵoj. La infano jam distre aŭskultis la lecionojn de la patro. Severe admonita, li daŭrigis malafable. La batoj ne lasis sin atendi: li kontraŭstaris kun la plej malbona humoro. Ĝi atingis plej altan gradon, kiam li ian vesperon aŭdis, ke Melkioro malkaŝas siajn projektojn en apuda ĉambro. Do, oni lin tiamaniere enuigis, oni lin devigis tuŝi eburpecojn dum la tuta tago, nur por fari el li montrobeston! Li eĉ ne plu havis la tempon fari viziton al sia kara rivero. Kial do oni obstine persekutis lin? — Li estis indignita, vundita en sia fiereco kaj libereco. Li decidis, ke li ne plu ludos muzikon, aŭ kiel eble plej malbone, kaj senkuraĝigos sian patron. Tio estus malfacila, sed necesas gardi sian sendependecon.

De la posta leciono, li provis plenumi sian planon. Li diligente penis frapi flanke de la notoj, kaj konstante fuŝi. Melkioro kriis, kriegis, kaj ekbatis. Li havis fortikan linilon. Je ĉiu malĝusta noto, li frapis la fingrojn de la infano, kaj surdige kolerkriegis al lia orelo. Kristofo grimacis de doloro; li mordis al si la lipojn por ne plori, kaj stoike daŭrigis ludaĉi, enŝultrigante la kapon je ĉiu atendota bato. Sed li baldaŭ eksentis, ke malbona estas la sistemo. Melkioro estis tiel obstina kiel li; kaj li ĵuris, ke eĉ se por tio li bezonus du tagojn kaj du noktojn, li rezignos je nenia noto, ĝis ĝi estos korekte ludita. Sed Kristofo tro bonkonscience penis neniam ludi ĝuste; Melkioro eksuspektis la ruzon, vidante, ke je ĉiu frapo la malgranda mano peze falas flanken, kun evidenta malbonvolo. La batoj per la linilo plimultiĝis; Kristofo ne plu sentis siajn fingrojn. Li kompatinde ploris, silente, enspirante siajn singultojn kaj plorojn. Li komprenis, ke tiamaniere nenio estas atingebla; necese estis alpreni ekstreman decidon. Li haltis, kaj antaŭtimante pri la fulmotondro de li elvokota, li kuraĝe diris:

— Paĉjo, mi ne plu volas ludi.

Melkioro ekmiregis:

— Kio! Kio!... li kriis.

Li rompskuadis al li la brakon. Kristofo, pli kaj pli tremante, kaj levante la kubuton por sin ŝirmi kontraŭ la batoj, daŭrigis:

— Mi ne plu volas ludi. Unue, ĉar mi ne volas esti frapata. Kaj...

Li ne povis fini. Terura vangfrapo tranĉis al li la spiradon. Melkioro kriegis:

— Ah! vi ne volas esti frapata? Vi ne volas?...

Estis seninterrompa batado. Kristofo plendegis:

— Plie... mi ne amas la muzikon!... mi ne amas la muzikon!...

Li elglitis el sia seĝo. Melkioro lin perforte residigis, kaj frapis al li la manartikojn kontraŭ la klavaro. Li kriis:

— Vi ludos!

Kaj Kristofo respondis:

— Ne! ne! Mi ne ludos!

Melkioro devis rezigni. Lin superŝutinte per batoj, li elpelis lin, dirante, ke li nenion povos manĝi dum tuta tago, dum tuta monato, antaŭ ol li estos ludinta ĉiujn ekzercojn, ne preterlasinte eĉ unu. Li puŝis lin eksteren per piedbato je la postaĵo, kaj brufermis la pordon.

Kristofo troviĝis en la ŝtuparo, la malpura kaj senluma ŝtuparaĉo. Aerblovo venis tra la rompita vitro de fenestreto; la malsekaĵo elsorbiĝis ĉe la muroj. Kristofo sidiĝis sur unu el la makulitaj ŝtupoj; lia koro saltis en la brusto, pro kolero kaj emocio. Mallaŭte, li insultis sian patron:

— Besto! jen vi estas! Besto... maldelikatulo... bruto! jes, bruto!... kaj mi vin malamas, malamas... oh! kiel mi volus, ke vi estu mortinta, mortinta!

**Lia brusto ŝveliĝis. Li senespere rigardadis la makulitan ŝtuparon, la araneaĵon balancatan de l' vento super la rompita vitro. Li sentis sin sola, perdita en sia malfeliĉo.** Li rigardis la malplenon inter la stangetoj de la balustrado... Kial li sin ne ĵetus malsupren?... aŭ tra la fenestro?... Jes, kial li ne mortigus sin por ilin puni? Kian konsciencriproĉon ili havus! Li jam aŭdis la bruon de sia falo en la ŝtuparo. La supra pordo subite malfermiĝis. Timpremitaj voĉoj kriis: „Li falis! li falis!" Oni malsuprensaltis la ŝtuparon. Lia patro, lia patrino plorante sin ĵetis sur lian korpon. Ŝi singultis: „Estas via kulpo! Estas vi, kiu mortigis lin!" Li agitadis la brakojn, surgenuis, frapadis la kapon kontraŭ la balustrado, kriante: „Mi estas krimulo! Mi estas krimulo!" — Tiu vidaĵo plimildigis lian ĉagrenon. Li preskaŭ kompatis pri tiuj, kiuj priploris lin; sed poste li pensis, ke ili estas prave punataj, kaj li ĝuis sian venĝon...

Elpensinte tiun historion, li sin retrovis malsupre de la ŝtuparo, en la mallumo; li ankoraŭ fojon rigardis malsupren, kaj tute ne plu deziris sin alĵeti. Eĉ, li tremetis, kaj malproksimiĝis de l' bordo, pensante, ke li povus forfali. Tiam li sin sentis kaptito, kiel birdeto en kaĝo, kaptito por ĉiam, sen ia alia rimedo ol rompi al si la kapon kaj sin dolori. Li ploris, ploradis; kaj li frotadis al si la okulojn per malpuraj manetoj, tiel ke li baldaŭ estis tute ŝmirita. Plorante, li daŭrigis rigardi la aĵojn lin ĉirkaŭantajn; kaj tio lin distris. Li momenton haltis ĝemi por observi la araneon, kiu ĵus moviĝis. Poste, li rekomencis, sed malpli konvinke. Li aŭskultis sin plori, kaj aŭtomate daŭrigis sian zumadon, ne plu bone sciante kial. Li baldaŭ leviĝis; lin altiris la fenestro. Li sidiĝis sur la malsuperan randon, singardeme restante ĉe la fundo, kaj kaŝrigardante la araneon, kiu interesis lin, sed naŭzigis.

La Rejno fluadis malsupre de la domo. El la fenestro de l' ŝtuparo, oni kvazaŭ flugpendis super la rivero kiel en moviĝa ĉielo. Kristofo ĉiam longe rigardis ĝin, kiam li malsupreniris la ŝtupojn, lametante; sed neniam li ankoraŭ vidis ĝin, kiel hodiaŭ. La ĉagreno akrigas la sentojn; ŝajnas, ke ĉio engravuriĝas pli bone en la rigardoj, post kiam la ploroj forlavis la velkajn postesignojn de l' rememoroj. La rivero aperis al la infano kiel estaĵo, — estaĵo neklarigebla, sed kiom pli potenca ol ĉiuj de li konataj! Kristofo kliniĝis por pli bone vidi; li algluis sian buŝon kaj alplatigis sian nazon sur la vitron. Kien *ĝi* iris? Kion *ĝi* volis? *Ĝi* ŝajnis libera, certa pri sia vojo... Nenio povis *ĝin* haltigi. Je kioma ajn horo de l' tago aŭ de l' nokto, kun la pluvo aŭ la suno en la ĉielo, kun la ĝojo aŭ la ĉagreno en la domo, *ĝi* pasadis; kaj oni sentis, ke al *ĝi* ĉio tio estas indiferenta, ke *ĝi* neniam estas aflikta, ke *ĝi* ĝuas sian forton. Kia ĝojo esti kiel *ĝi*, kuradi tra la herbejoj, la salikbranĉoj, la brilantaj ŝtonetoj, la kraketantaj sableroj, kaj zorgi pri nenio, esti ĝenata de nenio, esti libera!...

La infano rigardis kaj aŭskultis avide; ŝajnis al li, ke forportas lin la rivero, ke li pasas kun ĝi... Kiam li fermis la okulojn, li vidis kolorojn: bluan, verdan, flavan, ruĝan, kaj grandajn kurantajn ombrojn, kaj etendaĵojn de suno... Preciziĝas la bildoj. Jen larĝa ebenaĵo, kanoj, spikoj ondiĝantaj sub la venteto saturata de freŝa herbo kaj de mento. Ĉie floroj, cejanoj, papavoj, violoj. Kiel bele estas! Kiel bone estus kuŝiĝi en la densa kaj dolĉa herbo!... Kristofo sentas sin ĝoja kaj ebrieta, same kiam lia patro je la festotagoj enverŝas iom da Rejna vino en lian glason... — La rivero pasas... La pejzaĝo ŝanĝis... Nun estas arboj kliniĝantaj super la akvo; iliaj dentumitaj folioj, kiel manetoj, trempiĝas, agitiĝas kaj returniĝas en la ondaro. Vilaĝo, inter la arboj, respeguliĝas en la rivero. Oni vidas la cipresojn kaj la krucojn de la mortintejo super la blanka muro, kiun tuŝetas la akvofluo. — Poste, estas ŝtonegoj, intermonto, vinberejoj sur deklivoj, abiareto, kaj la ruinigitaj kasteloj... — Kaj denove, la ebenaĵo, la grenspikoj, la birdoj, la suno...

La granda verda maso de la rivero daŭras pasadi, kiel unu sola penso, sen ondoj, preskaŭ sen fadenoj, brila kiel muaro. Kristofo jam ne vidas ĝin; li tute fermis la okulojn por pli bone aŭskulti. Tiu konstanta murmurado lin plenigas kaj kapturnigas; lin tiradas tiu eterna kaj superregema revo, kiu iras oni ne scias kien. El la tumulta ondaro, alsaltas rapidemaj ritmoj kun arda ĝojo. Kaj laŭ tiuj ritmoj supreniras muzikoj, kiel vinbero alrampanta laŭ la krado: arpeĝoj de arĝentsonaj klavaroj, doloraj violonoj, velurecaj flutoj kun rondaj sonoj. — La pejzaĝoj malaperis. La rivero malaperis: Flugpendas la stranga, mola, krepuska atmosfero. Kristofo tremas de emocio. Kion li do nun vidas? Oh! la ĉarmaj aperaĵoj!... — Lin vokas brunbukla knabino, sopira kaj moka... Paleta vizaĝo de juna knabo kun bluaj okuloj lin rigardas melankolie... Aliaj ridetoj, aliaj okuloj — scivolaj kaj delogaj rigardoj, kiuj ruĝigas lin — kaj amemaj, doloraj okuloj, kiel bona rigardo de hundo — kaj ordonemaj okuloj, kaj okuloj de suferado... Kaj tiu palega virina vizaĝo, kiu kun nigraj haroj kaj fermita buŝo per siaj grandegaj okuloj lin fiksadas kun doloriga intenseco... Kaj la plej amata el ĉiuj, la knabino, kiu ridetas al li kun siaj klaraj okuloj, la buŝo duonfermita, la dentetoj brilantaj... Ah! la bela rideto indulgema kaj amanta! ĝi kareseme moligas la koron! kiel boniga ĝi estas! kiel multe amata! Ankoraŭ! Al mi ridetu ankoraŭ! ne foriru!... Ho ve! ĝi jam malaperis!... Sed en la koro ĝi postelasas neesprimeblan mildecon. Nenio malbona, nenio malĝoja plu estas, nenio plu ekzistas... Nenio, krom facila revo, serena muziko, kiu flugas en sunradio, kiel aranea silkfadeno dum la belaj someraj vesperoj... — Kio do ĵus pasis? Kiaj estas tiuj bildoj, kiuj trapenetris la infanon je malĝojo kaj milda emocio? Neniam li ankoraŭ vidis ilin; kaj tamen ilin li jam konis: ilin li rekonas. De kie ili venas? De kiu profundaĵo de l' Estaĵo? Ĉu de tio, kio estis... *aŭ de tio, kio estos?*...

Nun, ĉio malaperas, ĉia formo forfluidiĝas. — Lastfojon ankoraŭ, tra nuba vualo, kvazaŭ oni tre alte ŝvebus super ĝi, la rivero aperas, superondanta la kampojn, fluanta majeste, malrapide, preskaŭ senmove. Tute malproksime, kiel ŝtala brilo je la rando de l' horizonto, akva ebenaĵo, linio de tremantaj ondoj — la Maro. La rivero kuras al ĝi. Ĝi ŝajnas kuri al la rivero kaj ĝin altiri. Kaj la rivero volas ĝin kaj tuj enperdiĝos en ĝian internon... — Rondiradas la muziko, kaj balanciĝas la belaj dancritmoj; en sia fina turniĝado ili ĉion dispelas... La animo libera traflugas la spacon, kiel la hirundoj, ebriaj de aero, trairas la ĉielon kun akutaj krioj... Ĝojo! ĝojo! Nenio plu estas!... O senfina feliĉo!...

La horoj jam pasis, la vespero aperis, la ŝtuparo mallumiĝis. Pluvgutoj desegnis sur la robo de l' rivero dancemajn rondetojn, kiujn fortiris la akvofluo. Iafoje arbobranĉo, kelkaj nigraj ŝeloj senbrue pasadis kaj foriris. La mortigema araneo ŝatmanĝinte retiriĝis en la plej malhela angulo — kaj la malgranda Kristofo, je la bordo de la fenestreto, ankoraŭ restadis klinite, kun sia pala, makulita vizaĝo radianta de feliĉo. Li dormadis.

Trad.: *H. H.*

---

Se mi scius ion utilan al mia patrujo, kio estus malutila al Eŭropo kaj al la homaro, mi rigardus ĝian malkaŝon kiel krimon.
*Montesquieu.*

La nacia malamo prezentas tiun apartan karakteron, ke vi trovos ĝin ĉiam pli intensa, pli akra, ju pli vi malsupreniras la ŝtuparon de la klereco. Sed estas ŝtupo, kie ĝi tute malaperas, kie oni sentas la feliĉon aŭ malfeliĉon de najbara popolo tute kiel tiun de propra lando.
*Goethe.*

Kiu serĉas la veron, tiu devas aparteni al neniu lando.
*Voltaire.*

Mia amo al la patrujo neniam fermis al mi la okulojn pri la merito de la fremduloj; kontraŭe, ju pli bona patrioto mi estas, des pli mi penas riĉigi mian landon je la trezoroj, kiuj ne naskiĝis interne de ĝi.
*Voltaire.*

La milito estas proceso, kiu ruinigas la malgajnanton kaj la gajnanton.
*Elizabeto de Anglujo.*

Mi gardu min de patriotismo, kiu malhelpus min esti mondcivitano.
*Lessing.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo, kiu forkuris, estas rekaptita kaj, dum longaj semajnoj, ne povis doni signon de vivo.*

*Al la Naturo, kiu ĉion donas kaj ĉion reprenas, kiu donis la filon kaj la fraton, kaj lin reprenis, diras la viro klera kaj modesta: „Donu tion, kion vi volas, reprenu tion, kion vi volas." Kaj tion li diras ne spitvete, sed obeeme kaj danke.*

*Ĉiam konsideru la tutan daŭron kaj la tutan substancon! Ĉio, aparte konsiderata, estas rilate al la materio kvazaŭ grajno de milio, rilate al la tempo kvazaŭ turniĝo de borileto.*

*Nia mastro estas la natura leĝo: tiu, kiu ĝin malobeas, estas malfidelulo. Same tiu, kiu ploras, aŭ koleras, aŭ timas, aŭ volas, ke io ne okazis, ne okazas, ne okazos, dum ĉio estas jam decidita de Tiu, kiu, ĉion reganta, estas la Leĝo komuna por ĉiuj, tiu ĉi do plorante, kolerante, timante malfidelulo estas.*

*Ni ĉiam pripensu, ke antaŭe ĉio okazis, kiel ĝi okazas nun kaj ĉiam okazos. Ĉiuj tiuj dramoj, ĉiuj tiuj scenoj, kiujn via propra sperto konis aŭ vin konigis, la historio de la antaŭajoj, estu ĉiam antaŭ viaj okuloj: la samo ĉiam, aliaj nur la aktoroj.*

*Al sola racia estaĵo estas donita:* memvole *obei la okazintaĵojn; ilin obei, estas komuna neceseco.*

*Paroladi pri tio, kio devas esti bona viro, ne estas grave nek necese, sed tio nur: esti bona viro!*

*El* Marko Aŭrelio.
*Trad.:* Th. Cart.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Kunsido de Germanaj Esperantistoj

Je la 9—10 decembro, la unuan fojon dum la milito, multnombraj germanaj Esperantistoj kunvenis en Dresden. La jenaj grupoj estis reprezentitaj: Berlin, Braunschweig, Breslau, Bromberg, Dresden, Hamburg, Leipzig, Potsdam, Deuben, Seifhennersdorf, Magdeburg, k. t. p. Salutesprimoj estis senditaj de konataj Esperantistoj ne povintaj ĉeesti kaj de membroj sur la batalkampo.

La kunvenoj estis prezidataj de S-ro deputato D-ro Steche. S-ro von Frenckell prezentis raporton pri la agado de G. E. A. dum la milito, speciale aludante je la ŝatinda agado de la Asocio rilate al serĉado de malaperintoj kaj helpado por militkaptitoj. El la raporto rezultas, ke la dummilita stato de la movado en Germanujo estas bona.

S-ro D-ro Arnhold raportis pri la kasstato, kiu ankaŭ estas kontentiga.

Poste estis priparolitaj diversaj propagandaj temoj. Oni konsilis disvastigi la gazeton „Esperanto-Spiegel" (Esperanto-spegulo) por agado ĉe kleraj rondoj, kaj instigis la grupojn, ke ili elmontru ĝin ĉe publikaj legejoj kaj soldathejmoj. Abonado al „Esperanto" estis rekomendata. Oni proponis aranĝi kursojn por resaniĝantaj militistoj. Kvankam la propagando estas nuntempe limigata, oni tamen el la interesaj paroladoj, plejparte en flua Esperanto, ricevis la optimistan impreson, ke post la milito grava antaŭenpuŝo de nia movado estas atendota.

Post interesa diskutado pri la sintenado de la asocio rilate al naciaj kaj internaciaj celadoj, estis unuanime alprenita la jena rezolucio:

La militkunveno de germanaj Esperantistoj je la 9—10 decembro 1916 klarigas:

1. Esperanto, kiu estas nenio alia ol internacia helpa lingvo, t. e. komprenilo inter diverslingvaj homoj, havas laŭ sia celado, konforme al la deklaro alprenita en Boulogne s. Mer, nenian tendencon, ankaŭ ne pacifistan.

2. La ideoj „nacia" kaj „pacifista" prezentas, bone komprenite, nenian kontraŭstaron. La laboro por plifortigo de internaciaj valoroj, sekve ankaŭ la pacifista laboro, ne malhelpas la tendencon, forigi la naciajn kaj patriotajn interesojn, same kiel aliflanke la nacia patriota laboro ne havas la intencon malpermesi la internaciajn celojn rilate al komerco, trafiko, scienco kaj interŝtata interkonsento de la popoloj.

3. La Asocio malakceptas kiel senfundamentaj la asertojn, kiuj estis faritaj kontraŭ la agado de iuj Esperantistoj por naciistaj aŭ pacifistaj celoj. Ĝi atendas, ke ĝiaj membroj defendu siajn konvinkojn en nacia aŭ pacifista rilato kun la necesa takto, tiel ke personaj malkomprenoj ne aljuĝu „ŝovinistajn" intencojn al la naciistoj aŭ „kontraŭnaciajn" al la pacifistoj por ne malhelpi al la komuna laboro por Esperanto."

Post la labora kunveno la partoprenantoj ĉeestis je sukcesplena festo, aranĝita de la Societo Esperanto, Dresden, je la rememorigo de la dekjara datreveno de sia fondiĝo. Entute, la militkunsido de la germanaj Esperantistoj montris, ke ilia fervoro por nia alta celado restis sama kiel antaŭe; la estontecon de nia movado ili favore antaŭenrigardas.

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Doubravka ap. Plzen:* Fondiĝis asocio kun pli ol 30 anoj. S-ro Petrle faris paroladon kaj nun gvidas kurson. — *Kutná Hora:* Okazas nova kurso por komencantoj. — *Plzen (Pilsen):* S-ro Pech gvidas novan kurson kun 50 gejunuloj. — *Wien:* S-ro H. Steinbauer faris paroladon pri signifo de Esp. en fervoja oficejo; 40 personoj sin anoncis por kurso. La Viena Esp. Unuiĝo aranĝis sukcesan vesperfeston. S-ro Kaftan gvidas du novajn kursojn.

## Britujo.

*Bristol:* Kurso okazas sub la gvidado de S-ro H. Carr. — *Burnley:* Ĉe la duonjara kunveno, letero estis sendita al la loka edukada komitato por peti la enkondukon de Esp. en la lernejojn. — *Eccles:* Novaj kursoj estas malfermotaj. Dum 1916 pli ol 200 geknaboj ricevis Esp. instruon. — *Enfield:* Nova kurso malfermiĝis. — *Hastings:* La progreso de la vintraj kursoj daŭrigas esti kontentiga. — *Mere* (Wilts): F-ino E. B. Rutter, samideanino el Aŭstralio, komencis viglan propagandon kaj aranĝis kurson. — *Newcastle:* S-ro R. Mc. Neil komencis kurson ĉe la Skolta Asocio. — *Watford:* Nova kurso malfermiĝis.

## Francujo.

*Beauvais:* S-ro L. Demarcy, nia agema propagandisto, ĵus eldonis bonan franclingvan propagandfolion pri Esp. kaj la milito. — *Cosne s. Loire:* Laŭ permeso de S-ro inspektoro de la unuagrada instruado, F-ino Monsinjon, Del., malfermis novan kurson. — *Lyon:* Esperanto-Oficejo estos starigata ĉe la granda foiro okazonta dum 1917. Pliajn detalojn ni donos en proksima N-ro. — *Paris:* La kunvenoj ĉiam okazas la unuan dimanĉon de ĉiu monato je 2½ h., 51, rue de Clichy. Antaŭe, je 12½ h., oni povas ĉeesti ĉe la Esperantista tablo, en la restoracio Tisserand, 8 place Clichy.

Ĉe la kolegio de la Sociaj sciencoj, nia konata samideano, S-ro Agache, malfermis kurson pri urboscienco. S-ro Muffang, Del. en Bourg-la-Reine, gvidas kurson.

## Germanujo.

*Berlin:* Ĉe la kunveno de la Esp. Gruparo, S-ro D-ro W. Winsch interesplene paroladis pri la supereco de Esp. super Ido. Inter la gastoj ĉeestis S-ro Grafo Arco, la konata teknika direktoro de la societo por senfadena telegrafio, kiu, dank' al la propagando de S-ro Döring, vigle interesiĝas je nia lingvo, pri kies enkonduko en la internacian servon de senfadena telegrafio li klopodos post la milito. — *Dresden:* La membroj de UEA kunvenas regule merkredon ĉiusemajne, je la 7¾ h. en la hotelo „Kronprinz Rudolf", Schreibergasse 12; la hotelmastro disponigis liberan lokon, ĉambro 4, por la kunvenoj. — *Stuttgart:* Ĉe la ĉefkunveno, S-ro Häussler, Del. raportis kiamaniere la malfacilaĵoj de korespondado inter sud-okcidentaj Alzasanoj kaj iliaj soldatoj en germana armeo per Esp. solviĝis. S-ro H. peris centojn da leter- kaj monsendaĵoj.

## Hispanujo.

*Madrid:* S-ro Calahorra paroladis ĉe „Institucion de Amigos de la Enseñanza" kaj malfermis kurson. En la sama instituto ankaŭ parolis pri nia lingvo S-ro Cid Rey.

## Nederlando.

*Arnhem:* La Esp. Societo kunvenas ĉiuĵaŭde vespere je 8 h. en la salono de S-ro Meeberg, Willemsplein. — *Groningen:* D-ro J. C. Baart de la Faille paroladis antaŭ atenta aŭskultantaro de ĉ. 100 personoj. Dum la paŭzo estis aranĝita vendado de libroj kaj elmontrita biblioteko. Oni sendube sukcesos formi grupon. — *Harderwijk:* S-ro F. La Gravière komencis novan kurson, por kiu sin enskribigis 38 belgaj internigitoj. — *Rotterdam:* La 12 kaj 15 decembro la tramista grupo „Verda Stelo" feste rememoris la datrevenon de la naskiĝtago de nia Majstro. Proksimume 200 personoj ĉeestis ĉiufoje kaj entuziasme aplaŭdis la festprogramon. La sukceso estis bonega.

## Norvegujo.

*Holmestrand:* S-ro Olaf Storen faris propagandan paroladon ĉe la Pedagogia Asocio. Li ripetis ĝin al la lernantoj de la instruista lernejo. — *Trondhjem:* S-ro Ragnv. Rian faris paroladon dum festo de la bontemplana loĝio „Nidarheim".

## Rusujo.

*Astrahan:* Nia samideano, S-ro Rosenstock, organizinto de la Naŭa, nun militkaptito, organizis kurson inter militkaptitaj oficiroj. En loka reallernejo de Sobolev, S-ro Artemjev gvidas duan kurson kun 30 partoprenantoj. Trimonata oficiala kurso por komercistoj komenciĝis. — *Kars:* S-ro Akopjanc aranĝis kurson por lernantoj de la reala lernejo. — *Moskvo:* Moskva librejo „Esperanto" konstatas neordinaran pliaitiĝon de la intereso al Esperanto. La mendoj por la Esp. lernolibroj neniam estis tiom multnombraj kiel nun. La ĉiusabataj kunvenoj de Moskva Societo Esp. ĉiam pasas tre vigle. Preskaŭ ĉiufoje oni povas renkonti ekster-moskvajn gastojn. — *Permj:* La gepatra komitato de la gimnazio proponis, ke en la gimnazio ankaŭ estu instruata nia lingvo. — *Petrogrado:* S-ro A. M. Nedoŝivin faris raporton pri Esp. ĉe la kursoj de Societo por disvastigo de komercaj scioj. S-ro V. A. Dmitrijev tie gvidas kurson kun 25 personoj. La societo „Putnik" (Vojaĝanto) celanta helpi al vojaĝantoj en Rusujo kaj interne de Rusujo akceptis Esperanton por sia uzado egalrajte kun aliaj lingvoj. La societo vendas Esp. gvidlibrojn, donas informojn pri Esp. Petrograda Societo Esp. Adreso: 12, Sadovaja. — *Smolensk:* En la gimnazio de Voronin, S-ro M. Isakovskij propagandas nian lingvon. — *Tula:* Oni decidis organizi Esp. societon. Loka gazeto publikigis grandan propagandan artikolon de S-ro I. A. Lebedev. — *Zaporojje Kamenskoje:* Ĉe la virina gimnazio Esp. estas enkondukita kiel laŭvola fako. La deziron, studi Esp., esprimis 75 gimnazianinoj. Kiel instruisto estis invitita S-ro Br. Radziminskij.

## Svedujo.

En la gazeto „Antikrigsorder", organo de la kontraŭmilita Ligo, aperis ilustrita artikolo de S-ro Adamson pri la urĝeco de Esp. por pli bona interkonatiĝo de la nacioj. — *Falun:* Kurson gvidas seminaria instruisto F-ino Anna Persson. — *Skara:* S-ro Rosenberg gvidas kurson por membroj de la laborista komunumo.

## Svisujo.

*Neuchâtel:* En la kunsido de l' Kantona Konsilantaro, unu el la konsilantoj proponis, okaze de la nova leĝo de publika instruo, ke la Ŝtato Neuchâtel'a oficiale enkonduku devigan instruon de Esp. en la publikajn lernejojn. 27 konsilantoj voĉdonis por kaj 29 kontraŭ. Do, la plimulto estis nur 2 voĉoj. — *Zürich:* En la jara kunveno de la Svisa Socialista Kongreso kelkaj kongresanoj proponis la akcepton de Esp. kiel lingvo intergenta por la diverslingvaj svisaj socialistoj. La propono ne povis esti tuj akceptata, sed oni elektis komisionon por esplori tiun demandon.

## Argentino.

*Pergamino:* Kiel solena fermo de la unua kurso, la societo „Verda Stelo" organizis sukcesplenan muzik-literaturan kunvenon, ĉe kiu ĉeestis ĉ. 200 vizitantoj.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* En la lasta tempo, la movado faris kontentigajn progresojn. Ĉe la societo oni ricevis dudek novajn membrojn. Ĉe la komerca lernejo, oni faras kurson al tridek seriozaj lernantoj. Ankaŭ ĉe la socialistoj estas grupo de lernantoj. La publiko rilatas al la afero kun pli da fervoro ol antaŭe.

## Persujo.

*Teheran:* Kiel ni jam raportis, nia lingvo tie disvastiĝas, precipe inter Bahajanoj. Grupo estas en fondado. En la kunvenoj partoprenas ankaŭ persaj virinoj, adeptinoj de virina libereco en Persujo.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj Delegitoj kaj al niaj membroj.** — La jena cirkulero, subskribita de la Direktoro kaj Vicdirektoro de UEA, estis sendita al la Delegitoj de UEA dum januaro. Ni ankaŭ atentigas ĉiujn niajn membrojn pri ĝia enhavo:

„Okaze de la jarfino la Centra Oficejo de UEA petas, ke vi bonvolu energie klopodi por la varbado de membroj kaj la enkasigo de la kotizaĵoj por 1917. Ke la cirkonstancoj devigas al ŝparo kaj ke la rektaj profitoj eltireblaj de la membreco nuntempe estas malpli gravaj ol antaŭe, tio ne estu kaŭzo por malinteresiĝi pri nia organizaĵo, kiu povos plenumi la gravan postmilitan taskon, nur se ĝi restis sufiĉe forta dum la krizo.

„La pli multaj fervoraj Esperantistoj ja restis fidelaj al UEA, ĉar ili komprenis la neceson ĝin efike subteni en la nuna momento, por ke, je la paco, ĝi povu preni sur sin la restarigon de la multaj rompitaj interrilatoj. Tamen, kiel aro de oficiroj ne povas batali sen armeo, tiel same, sen la helpo de la pli vastaj rondoj de l' Esperantista publiko, UEA nek povas finance ekzisti, nek havas la moralan forton por reprezenti nian aferon rilate al la neesperantistaj internaciaj organizaĵoj kaj institucioj, ĉe kiuj agado por Esperanto estas necesa.

„Grava konvinkilo, ĝis nun prefere uzita de la propagandistoj, estis la granda nombro de la Esperantistoj, taksitaj je kvindek —, je cent mil aŭ pli. Fakte, la sola tutmonda statistiko estas tiu de UEA, kiu detale enskribas la aktivajn Esperantistojn kaj ilin kontrolas ĉiujare. Kontraŭ 7238 antaŭ la milito, nur 2734 membroj repagis la kotizajon en 1916. Certe pli multaj Esperantistoj ekzistas, sed ŝajne apenaŭ tri mil el ili havas nuntempe internaciajn interesojn, kaj nur tiun ciferon 2734 oni povas montri al la kontraŭuloj, kiuj postulas precize pruveblan ciferon. Plie, kion utilus eĉ bona sukceso en unu lando, se pro manko de internacia oficejo taŭge organizita, oni ne trovus fremdlandajn rilatojn? Kiel oni klopodus ĉe registaroj kaj konferencoj, se oni ne povas montri fortan societon kun miloj da membroj en ĉiuj landoj? — Bonvolu do veki la Esperantistan konsciencon ĉe ĉiuj samideanoj de via loko. Al la ŝparemuloj montru, ke ĉiu nepagita kotizajo estas ŝtono elfalanta el konstruaĵo ankoraŭ fortika, sed ne plu rekonstruebla, se pro ilia mankanta intereso ĝi disfalus. Penu ĉiujn konvinki pri la neceseco subteni nian Asocion, precipe dum la nuna malfacila tempo, kaj doni al ĝi la eblon labori efike, kiam estos veninta la momento por pli vastampleksa agado.

„La kotizajo estas kiel kutime 2. 50 Fr. por simplaj kaj 5 Fr. por subtenantaj membroj. Bonvolu kalkuli ĝin kaj vian procentajon en nacia mono, tiel ke vi povu sendi al ni nete 2 Fr. kaj 4. 50 Fr. svisa valoro. Ĉiuj repagintaj membroj ricevos, krom sia membrokarta banderolo, raporton pri la stato de UEA kaj de la Esperanto-movado dum la milito.

„Dankante vin antaŭe por via agado kaj esperante de ĝi bonajn fruktojn, ni sendas al vi niajn samideanajn salutojn."

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 decembro estis enkasigitaj 328 kotizajoj (el kiuj 21 subtenantoj). Krom tio estas 153 dumvivaj membroj. Sume: 481. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 13.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 778 | 1292 |

*Tuta sumo*: 2070. (Antaŭa monato: 1345.)

### Novaj Delegitoj.

*Bayonne* (Usono, New Jersey). — D.: S-ino Julia Goldzier, redaktorino, 26 East, 45th St.

*Fat-Shan* (Ĥinujo, Kwangtung). — D.: S-ro Sinpak, 33, Sai-Chuk St.

*Pergamino* (Argentino, Buenos-Aires). — D.: S-ro Luis Kelety, ĥemiisto, Estacion Agronomica Naciónal.

*Taŝkent* (Azia Rusujo, Turkestano). — D.: S-ro Nikolao Rudnicky, poŝtoficisto, la Poŝtovaja Kontora otdelenije.

### Ŝanĝoj.

*Manchester* (Anglujo). — Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al lia anstataŭanto S-ro J. H. Wright, inĝeniero, 7, Abington Rd., Brooklands.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj (sekve de speciala revizio):

*Asĥabad* (Azia Rusujo); *Auckland* (Nov-Zelando); *Bahia Blanca* (Arg. Resp.); *Bordj-Menaiel* (Alĝerio); *Corbeil* (Francujo); *Corcelles* (Svisujo); *Doetinchem* (Nederlando); *Karachi* (Hindujo); *Kecskemet* (Hungarujo); *La Ciotat* (Francujo); *Lennep* (Usono); *Massy* (Francujo); *Oban* (Skotlando); *Osgood* (Usono); *Pirdop* (Bulgarujo); *Pirmasens* (Germanujo); *Saint-Denis* (Francujo); *Trento* (Aŭstrio).

---

# Esperantia Parolejo

## Al la amikoj de blinduloj ĉiulandaj

F-ino Agnes Aleksander, el Tokio, sendis leteron de *japana blindulo*, kiun ŝi deziras konigi. La juna Tokuĝuro Torii estas Bahajano kaj granda amiko de la rusa blindulo Eroŝenko (nun en Siamo, Bangkock, rusa konsulejo), ĉar ili studis kune masaĝon ĉe Blindula Instituto en Tokio.

Esperantista frato!

Mi estas treege ĝoja, ke nun mi unuan fojon povas skribi al vi. Antaŭ kelkaj semajnoj nia fratino F-ino Aleksander donis al mi vian nomon kaj Esperantan Biblion, kiun vi sendis al la Japanaj Esperantistoj per ŝi. Por ĉi tio mi tutkore dankas vin en la nomo de niaj Japanaj Esperantistoj, speciale de la blindaj, ĉar mi estas blindulo. Sed mi estas feliĉa, ĉar oni ne bezonas okulojn por vidi la realecon kaj por agi por universala amo, paco kaj unueco — unuvorte, por feliĉeco de la homaro. Mi ne estas malfeliĉa, ĉar mi povas ĉiam havi specialan amikecon de geamikoj pro la blindeco.

Mi komencis lerni Esperanton antaŭ nelonge, tial mia Esperanto estas ne bona, sed pardonu kaj legu divenante. — Esperanto, speciale ĝia spirito multe interesis kaj feliĉigis min. Per tiu ĉi lingvo ni blinduloj povas, devas unuiĝi tutmonde. Mi kredas, ke la blinduloj estas pli taŭgaj por unuiĝi, ol la viduloj, ekzemple, ni preskaŭ ĉiuj, tutmondaj blinduloj, uzas samajn literojn, tio estas Brajlo, kaj ni unuiĝas pro nia sama sorto, t. e. blindeco. Laŭ tia penso mi volas komenci Esperantan movadon inter Japanaj blinduloj; mi petas vian helpon kaj kuraĝigon por tiu ĉi bona movado. Ankoraŭ estas nur kelkaj Esperantistaj blinduloj en nia lando, sed mi kredas la parolon de Abdul Baha, kiu diris, ke hodiaŭ, kiu laboras por universala afero estas helpata kaj subtenata kaj ke baldaŭ ĉiuj blinduloj povos vidi grandan spiritan lumon per Esperanta lingvo. — Mi tre petas vin, ke vi ofte skribu al mi, ĉar mi tre ĝojas, korespondi kun amikoj en diversaj landoj. Ĉu vi ne konas blindan Esperantiston en via lando?

Tre sincere via orienta frato

*Tokuĝiro Torii,*
876, Oŝibaĉo, Eĝiri, *Ŝiŝuoka ken*, Japanujo.
Aŭ prefere
per F-ino *Aleksander*, 12, Ichibancho, Kojimacki, *Tokio*.

## La Internacia Eksperimento

Pli kaj pli interesa fariĝas la organizado de la Eksperimento, dum la semajnoj forpasas; preskaŭ ĉiukuriere alvenas sciigoj pri progresado alilanda.

Jam pasis duono de la eksperimenta periodo por la kursoj en kelkaj urboj, kaj eĉ nun korespondado inter diversnaciaj kursanaroj estas efektivigita, kompreneble, ankoraŭ ne pri la teknikaj komercaj temoj, sed tio baldaŭ venos. Anoj de la Londona kurso komencis korespondi inter si post kvarsemajna lernado, kaj nun komunikas siajn pensojn al lernantoj ĉe kursoj alilandaj. La kursanoj (23) en Beauvais, sub la lerta instruado de S-ro R. Demarcy, ankaŭ bonege progresadas; tiel same faras la „Eksperimentanoj" en Angers, kiujn instruas nia konata samideano kaj propagandisto, S-ro H. Muffang. El Tarrasa, Hispanujo, venis sciigoj de S-ro Rosiñol pri novaj komercaj kursoj, ankaŭ pri tieaj firmoj (kun Esperantistaj komizoj), kiuj estas favoraj al la Zamenhofa lingvo. En Sud-Ameriko la samideanoj certe estas vigluloj; S-ro A. Villafranca, en Buenos-Aires, respondante al cirkulero pri la Eksperimento, diras, ke, jam de longe, li malfermas novan kurson ĉiutrimonate, kaj inter la lernantoj troviĝas komizoj, oficistoj kaj metiistoj. Kompreneble ili nun estas pretaj partopreni en la eksperimenta ideo.

Antaŭ du-tri tagoj ni ricevis du tre interesajn dokumentojn, unu el Astraĥan, la alia el Ĥarbin (Manĝurujo). La unua estas alvoko al la rusaj grupoj, dissendita de la Astraĥana Societo Esperantista por atentigi pri la Eksperimenta ideo kaj la tuja utileco de Esperanto, kiujn oni intencas disvastigi inter la rusaj komercistoj

tra la tuta lando per folietoj rusiingve verkitaj kaj multmile presitaj. La sama Societo proponas siajn servojn kiel interrilatigistoj al la lokaj komercistoj. La dokumento el Ĥarbin sciigas pri la starigo de eksperimentaj kursoj en tiu urbo, ankaŭ pri la interrilatigisteco de la Manĝuruja Societo. Nu, tio estas bonega novaĵo, kaj ni tre dezirus ricevi sciigojn pri aliaj Societoj aŭ Delegitoj, kiuj proponas siajn servojn al la komercistaro, ĉar estas preskaŭ devo tion fari nuntempe, se ni esperas baldaŭan venkon por Esperanto.

Ĉar oni jam petis informojn pri la kielo de la pruvo de la Eksperimento, eble estos oportune fari kelkajn klarigojn en tiu ĉi artikolo. Unue, ne estos „ekzamenoj" laŭ la ordinara senco; tio tute ne *pruvus*, ke la instruitoj povas interrilati kun alilanduloj, sed nur, ke ili havas scion pri Esperanto. Do la afero devus esti aranĝata tiel, ke la anoj de la diversnaciaj kursoj povas ŝajnige, aŭ kvazaŭe, fari internacian komercadon. Tio, kompreneble, okupos iom da tempo, kaj komenciĝos per leteroj petantaj sciigojn pri la ebleco de vendado aŭ aĉetado de la komercaĵo. Poste venas la respondoj, tiam sekvos pluaj leteroj aŭ komercaj dokumentoj, k. t. p. En Londono la Komerca Ĉambro promesis havigi al ni la komencajn tradukotaĵojn, ankaŭ kontroli la rezultatojn, t. e., ili prijuĝos, ĉu la anglaĵoj, kiuj rezultos de la interkorespondado, pruvas, ke la korespondintoj reciproke sin komprenas rilate al la aferoj pritraktitaj. Estos konsilinde, ke ĉiu instruisto, kiu okupas sin pri la afero, sin turnu ankaŭ al la loka Komerca Ĉambro, aŭ simila societo. Fine, ne forgesu sendi al la organizanto la nomojn, adresojn kaj metiojn de kursanoj, por ke la internacia korespondado komencu tuj.

*S. R. Marshall,*
51, Muirkirk Rd., Catford, *London.*

### Oni laŭdas!

∴ Ges-roj *I. Krestanof,* sendas siajn plej korajn dankojn al F-ino Heinrich kaj S-ro Ziegler en München, kaj precipe al F-ino Herzog, Del. en Davos, pro iliaj afablaj servoj dum sia lasta vojaĝo. Ilia adreso nun estas: Ivan H. Krestanof, Poste Restante, Davos (Svisujo).

∴ S-ro pastro *K. M. Kolobaŝkin,* el Oslovska gub., selo Lomigori, kore dankas S-rojn K. Takahaŝi, Del. el Japanujo, kaj A. Korpelainen, Del. el Finnlando, pro akurataj, precizaj kaj detalaj informoj.

## Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al ges-roj pastro *Kolobaŝkin,* el Selo Lomigori, Orluska gub., naskiĝis filino.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Robert Kreutz,* el Frankfurt a. M., kun F-ino *Helene Fleckenstein.*

**Edziĝo.** — S-ro *Anatolo Koĥ,* el Varsovio, kun F-ino *Warvara Haplik.*

S-ro *Léval,* komitatano de la Esp. Klubo de Lyon, kun F-ino *C. Thévenet,* profesorino de Esp. ĉe la sama klubo.

## Alvokoj

### Du petoj

Por propaganda parolo kaj montro al ĵurnalistoj mi bezonas specimenojn de gazetoj Esperantistaj; pro tio mi petas ĉiun, kiu povas bonvole sendi al mi baldaŭ po unu ekzemplero de ĉiu ebla gazeto Esperantista nun ekzistanta aŭ iam ekzistinta.

Pri ekzameno de Esperanto volu sendi el ĉiuj landoj ĉiujn koncernajn dokumentojn al mi.

*Paul Nylén*
Gröna villan, *Huddinge* (Svedujo).

### Dummilita utileco de Esperanto

Por farota parolado kaj ekspozicio mi deziras ricevi kiel eble plej multajn informojn kaj pruvaĵojn, precipe el la militŝtatoj kaj internigejoj, pri la utileco de Esperanto dum la milito. Ĉiun alsendon danke akceptos *Ernst Scheurer,* Del., *Lyss* (Svisujo).

## Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-oka listo*

*Fridrich, Jozefo,* el Rožnov (Moravio), Nijni Lomov, gub. Penza (Ruslando).

*Laufberger, Julius,* el Turn b. Teplitz (Bohemujo), Obl. Vojska Donskogo, Taganrogskij okruj. poĉt. otd. Alekseevo leonovo Rudnik B. G. Gerbilskago (Ruslando).

*Levier, Louis,* el Londono, Reserve-Garnison Lazarett, Kriegsstr. 103, Karlsruhe (Baden).

*Pindur, Isy,* el Schweidnitz (German.), Hôpital Complémentaire N-ro 49, Coutances (Manche, Franc.).

*Randi, Dante,* el Trieste, civil-internigito Bar. 51, ĉambro 6, Katzenau b. Linz (Aŭstrio).

*Salles, Fernand,* el Paris, 257. Reg. Inf., 3. Caserne de Cavallerie, Landshut (Baden, German.).

* * *

S-ro *Hock, Josef,* 17. Bayer. Inf. Reg., 6. Komp., malaperis en Francujo la 15 septembro 1916.

S-ro *Victor Jung,* suboficiro, 9. Komp. des Bayer. Inf. Ers. Reg. 5, malaperis la 15/16 decembro 1916, ĉirkaŭ Verdun.

S-ro *Nopitsch, Karl,* Vizefeldwebel, 11. Komp., 1. bayer. Ersatz Inf. Reg., malaperis ĉirkaŭ Verdun.

S-ro *Rebière, Léon,* kaporalo, 344e Inf. Reg. franca, 21e komp., malaperis dum aŭg.—sept. 1916, okcidenta batalkampo.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

## Niaj Mortintoj

Nia samideano, S-ro I. H. Krestanof, sendas al ni la jenan nekrologian noton pri du fervoraj Balkanaj samideanoj, unu bulgara, unu serba, mortintaj antaŭ nelonge.

* * *

Kiam la lasta sonoriligo eksonas t. e. kiam la morto frapas iun, tiam oni nevole ekmemoras kaj ekparolas pri li — liaj agoj, ecoj, faroj ... Sed ĉe la hodiaŭa terura buĉado la senkompata morto faligis tiom da karaj estaĵoj, notindaj samideanoj, ke oni povus plenigi tutajn librojn, se oni volus priskribi ties vivojn. Tie ĉi mi volas nur kelkajn vortojn plie diri pri du modestaj — tial ne tre konataj — fervoraj kaj modelaj *pioniroj* de nia kara afero sur la Balkana duoninsulo.

**Nikifor Ĥristoskoff** (el Bunovo apud Pirdop, Bulgarujo) — nomo konata precipe de tiuj, kiuj legis „*Danubo*", kies sekretario li estis. Fariĝinte Esperantisto en 1908 post mia propagando en Vratza, li komencis sian agadon precipe post la Bulg. Esp.-Kongreso en Sofia 1910. Vilaĝa infano, kelnero en Sofia, poste laboranto en Bukareŝto ĉe D-ro Robin, li lernis multon en la vivo kaj mem

edukis sin ĝis tia grado, ke li povis diskuti pri plej diversaj demandoj. Post la balkana milito, li fariĝis arĥivisto ĉe la bulgara legacio en Bukareŝto. Tie li estis unu el la ĉefaj propagandistoj, kaj la ligilo inter la bulgaraj kaj rumanaj Esperantistoj, kies organon li redaktis. Bataiema temperamento, li estis modesta defendanto de la vero. Li kunlaboris en kelkaj gravaj Esp. gazetoj, kaj liaj artikoloj pri lingvaj, organizaj kaj aliaj demandoj estas tre rimarkindaj, liaj tradukaĵoj modelaj. Senlaca organizinto de ekskursoj, gvidanto de kursoj, li havis tre belan originalan „planon por verdigado". Multon li esperigis por nia movado, sed ho ve, mortiga kuglo en Macedonio lin faligis en tiu milito. Ripozu dolĉe, kara samideano, vian celadon ni ne forgesos kaj daŭrigos la karan laboradon memorante al vi.

**Siniŝa Budjevac** (el Belgrado, Serbujo). Mi konatiĝis kun li persone en Pasko 1909 en Belgrado, kien li invitis min kaj nian rusan samideanon S-ro Evstifejeff (tiam en Sofia) por propaganda celo. Tiam studento de filozofio, li estis sukcesinta ekinteresi multajn profesorojn kaj gravajn personojn pri nia afero, kiun li ne ĉesis pli malfrue disvastigi kiel ĵurnalisto per artikoloj, paroladoj, kursoj. Li estis la animo de la Esp. movado en Belgrado kaj lia „Lernolibro de Esperanto" estas ankoraŭ ĝis nun preskaŭ la sola lernilo por serboj. Ĉiam modesta, senbrua, li laboris malgraŭ aro da malagrablaĵoj kaj baroj. Lian mildan kaj ridetantan, tre simpatian vizaĝon neniam forgesos la ĉeestintoj de la Esp. Kongreso en Bukareŝto 1909. Sed ho ve, la terura milito ne indulgis ankaŭ lin. Ripozu ankaŭ vi, kara amiko, via agado ne estas senfrukta kaj ĝi certe estos daŭrigata de viaj samlandanoj, al kiuj vi tiel bone montris la vojon! *I. H. Kr-of.*

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

INFORMO. — Oni bonvolu informi S-ron Givola Manoilović, komercisto en Svilainac (Serbujo), ke S-ro Vukaĉin Givoliĉ troviĝas en bona stato. Adreso: étud. en techn., Ecole des Travaux Publics, Arcueil-Cachan, Paris.

INFORMPETO. — La Centra Oficejo de UEA deziras ricevi novaĵojn pri Familio Emile Caron, 30, rue du Repos, en Gilly (Belgujo, Hainaut) kaj estus tre danka al tiu, kiu bonvolos sciigi al tiu familio, ke S-ro Emile Caron estas ĉiam bonfarta kaj atendas novaĵojn. La C. O. volonte repagos ĉiujn elspezojn.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0.20 Sm.), 25 por 1.25 Fr. (0.50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

STUDENTOJ, SCIENCISTOJ, KURACISTOJ, bonvole komuniku kun mi rilate la formadon de asocio por psikologia kaj psika enketado. Armand Coigne, 243, Bedford Park Boulevard, New York City (Usono).

PETO. — Kiu povus doni novaĵojn pri S-ro Auguste Jauquet kaj S-ino Antoine Jadoue, loĝantaj rue de Cotelis Jambe, en Namur (Belgujo)? Informojn oni bonvolu sendi al C. O. de UEA, kiu repagos ĉiujn elspezojn.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

CULEMBORG (Nederlando). — S-ro C. Keemink, lernejestro (precipe pri fremdaj mondpartanoj kaj naturo).

CULEMBORG (Nederlando). — S-ro Otto de Beus, PI (kun ĉiulandanoj).

ENSCHEDE (Nederlando). — S-ro G. P. de Bruin, Alleeweg 9, L (kun progresemaj gejunuloj pri interesaj temoj, Esperante kaj germane).

HENGELO (Nederlando). — Membroj de la Grupo. S-ro G. van Heek, prezidanto, Steynstraat 72, PI.

MINNEAPOLIS (Usono, Minn.). — S-ro James C. Sanderson, 605, 12th Ave. SE, L, PI (kun ĉiuj krom angleparolantoj).

MINNEWAUKAN (Usono, North Dakota). — S-ro Fred Rognlie, PI, L.

NEW YORK (Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 243, Bedford Park Boulevard, nur L (kun personoj interesataj je psikologio kaj psikaj aferoj).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom. Larionova, nur per L (serĉas konstantajn ĉiulandajn gekorespondantojn pri temoj, kiuj donos eblecon, bone interkonatiĝi, ekz. pri nia lingvo, pri moroj kaj vivkutimoj, pri etikaj kaj politikaj demandoj, k. t. p.).

SONTAY (Azio, Tonkino). — S-ro Huy, PM, PI.

VENLO (Nederlando). — S-ro Pierre J. M. Pijpers, Stalberg 132, PM, PI (kun ĉiuj landoj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Alfred Nachtergaele, belga interngito, Cie Projecteurs.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO